4me Année, No 8. | 4a Jaro, 8a Numero. Aprilo 1906 (No 44) | 4e Jaar Nr 8.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

DIREKTORO: Dro M. SEYNAEVE (HEULE-COURTRAI).

REDAKTORO-ADMINISTRANTO: J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

**Sendu al la Direktoro:**
*Ĉion koncernantan la redaktadon de la jurnalo: manuskriptojn, novajn verkojn, k. c.*

**Sendu al la Administranto:**
*Ĉion koncernantan la administradon: abonojn, anoncojn, petojn pri interŝanĝo, k. c., kaj ĉiujn novaĵojn pri la belga aŭ eksterbelga movado.*

Prix des Abonnements:

| | | |
|---|---|---|
| Abonnement simple (*au moins 1 an*) | | 4,00 fr. |
| Avec inscription à la Ligue | au moins | 5,00 fr. |
| Membre protecteur de la Ligue avec abonnement (Voir Statuts p. II) | au moins | 10,00 fr. |
| Un numéro | | 0,40 fr. |
| Collections des trois premières années | chacune | 5,00 fr. |
| | pour l'étranger | 6,00 fr. |

Inschrijvingsprijs:

| | | |
|---|---|---|
| Enkele inschrijving (*ten minste 1 jaar*) | | 4,00 fr. |
| Met inschrijving in den Bond | ten minste | 5,00 fr. |
| Bond-Beschermer (maandschrift inbegrepen, zie Standregelen, p. II) | ten minste | 10,00 fr. |
| Een nummer | | 0,40 fr. |
| De drie vorige jaren | ieder | 5,00 fr. |
| | Buitenland | 6,00 fr. |

ABONOJ: 4 fr. ĉiujare. — Unu no: 0,40. — Kolektoj de antaŭaj jaroj, ĉiu 6,00 fr.

La date initiale de l'abonnement est le 1r Septembre. — Si l'on s'abonne dans le courant de l'année, on reçoit les Nos de l'année déjà parus.

Het jaar begint den 1n September. — Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

ENHAVO.
(Sommaire. — Inhoud.)



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,
IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.
DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING 4.

## Adresaro de komercistoj akceptantaj uzadon de Esperanto.



**St Raĥmi-Lesovie**, podolskaja gubern, (Ruslando) — I. *E. Moskovĉenko*. Mi rekomendas min por aĉeto de grenoj : tritiko, sekalo, hordeo, por biero, aveno k. c. kaj ankaŭ mielo, sukero.

**Agde** (Hérault) Francujo. — *Fratoj Bucher*. Freŝaj vinoj kaj vinberoj el sud-Franclando je l' maklero. Rektaj sendoj el la bieno en barelvagonoj aŭ en la bareloj de la aĉetintoj. Seriozaj riprezentontoj estas serĉataj.

**Valence d' Agen** (France) — *Alfred Gérin*, posedanto de vinberejoj. Bonaj vinoj familiaj naturaj. Prezaro kaj specimenoj afrankite laŭ peto.

**Wien** (Aŭstrio). — *Gebrüder Thonet*, specialaj artaj mebloj.

**Pont-à-Vendin** (P. d. C.) France, Grand' Rue. Presejo *Magniez*.

**Odessa**, str. — *M. Kukurickin* & Ko, firmo fondita en 1860, vendas ĉiuspecajn piedvestojn el enlandaj kaj eksterlandaj fabrikoj por sinjoroj, sinjorinoj kaj infanoj.

**Hódság** (Bacs-megye) suda-Hungarujo, — So *Molnár Gyula* deziras interŝanĝi kolektojn da papiloj kun loĝantoj de tropikaj landoj ; interŝanĝas ankaŭ elŝtopitajn birdojn.

**Erzerum** (Turkujo Azia). — *Baptisto Gigergiano* deziras esti riprezentanto por vendi novajojn kaj nutrajojn ĉiuspecajn.

**Paris** IVe, 7, rue du Temple — *Fernand Blangarin*, riprezentanto por vinoj. Bonegaj vinoj el Bordeaux, Beaune, Madeira, Malaga, O Porto. — Rumoj. — Peti prezaron kaj specimenojn. — Grava rabato por Esperantistoj.

**Glasgow**, 137, West Regent Street. — *Tabako Sindikato Esperantisto*. — Specialajo : « *Cigaredo Esperanto* ». — Telegrafa adreso : Verdastelo, Glasgow.

## Nomaro de La Belga Sonorilo.

**Duffel** (Belgique) *Manufacture de Bougies de Duffel*. Stearino, oleino, glicerino, sendas eksterlanden. Ne fabrikas plu kandelojn.

**Antverpeno**. *F. Roels*, 64, rue du Transvaal — Ĉampanvino Ay Ŝaŭmanta « Esperanto ».
*A. Cassiers*, 25, rue du Jardin. — Pipo « Esperanto »; Esperanta cigaredo « Verda Stelo ».

## Rekompenco de bona faro.



Malbeninde ! mia cigaro estingiĝis !

Estimata ! ĉu vi bonvolus doni al mi iom da fajro !

Bonege ! Tutkoran dankon !

**ESPÉRANTISTES !**

**Détachez cette feuille intérieure de la couverture et utilisez-la pour la propagande !**

# Belga Ligo Esperantista

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR

MM. DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.
le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.
le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

### EEREKOMITEIT

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. | UITVOEREND KOMITEIT.

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. le Dr M. SEYNAEVE, Heule-Courtrai.
*Secrétaire Administratif* (Bestuurlijke Schrijver) : M. J. COOX, Duffel.
*Membres* (Leden) Mlle E. LECOINTE, MM. L. BLANJEAN, Jos. JAMIN, L. JAMIN, Ed. MATHIEU, VAN DER BIEST-ANDELHOF, Dr R. VAN MELCKEBEKE.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire Administratif :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., wende men zich tot den Bestuurlijken Schrijver :

**Mr J. COOX, DUFFEL.**

## EXTRAIT DES STATUTS.

Art. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

Art. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Esperanto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

Art. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

Art. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

*a*) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

## Uittreksel der Standregelen.

Art. 1. — Onder den titel «**Belgische Esperantische Bond**» (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

Art. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

Art. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds, ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieel blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

Art. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

# LES 16 RÈGLES
## DE LA GRAMMAIRE ESPERANTO.

*Alphabet*. A, B, C (ts), Ĉ (tch), D, E (è), F, G (gue), Ĝ (dj), H (aspiré), Ĥ (ch flamand et allemand ; pour les Wallons, le h de *bîhe, bâhe)*, I, J(y yeux), Ĵ(j), K, L, M, N, O, P, R, S (ç), Ŝ (ch), T, U (ou), Ŭ (w pour les Flamands et les Wallons), V, Z.

Sauf les exceptions signalées entre parenthèses, toutes les lettres se prononcent comme en français. Elles gardent partout leur son alphabétique.

***

*Règle 1.* L'Esperanto n'a qu'un article défini *la*, invariable pour tous les genres, nombres et cas. Il n'a pas d'article indéfini.

*Règle 2.* Le substantif se termine par O. Le pluriel se forme par l'adjonction de *j*. — L'Esperanto a deux cas : le nominatif et l'accusatif ; ce dernier est marqué par l'adjonction de *n*, tant au singulier qu'au pluriel : *la patro* = le père, *la patroj* = les pères, nominatif ; *la patron* = le père, *la patrojn* = les pères, accusatif.

*Règle 3.* L'adjectif se termine par A et suit les règles du substantif : *patra* = paternel, *patraj* = paternels.

*Règle 4.* Les adjectifs numéraux cardinaux sont invariables : *unu* 1, *du* 2, *tri* 3, *kvar* 4, *kvin* 5, *ses* 6, *sep* 7, *ok* 8, *naŭ* 9, *dek* 10, *cent* 100, *mil* 1000. Les numéraux ordinaux se forment en ajoutant *a* aux cardinaux ; ils deviennent ainsi de véritables adjectifs et en suivent toutes les règles : *la tria* = le troisième; *la triaj* = les troisièmes. Les multiplicatifs prennent le suffixe *obl* : *la duoblo* = le double ; *la dekoblo* = le décuple. Les fractionnaires avec *on* : *la triono* = le tiers. Les collectifs avec *op* : *duope* = à deux.

*Règle 5.* Les pronoms pers. sont : *mi* (je, moi), *vi* (vous, tu, toi), *li* (il, lui), *ŝi* (elle), *ĝi* (il, elle, neutre), *si* (soi), *ni* (nous) *ili* (ils, elles), Par l'adjonction de A, ils deviennent adjectifs ou pronoms poss. : *mia* (mon), *miaj* (miens), *mian* (mien, accusatif). Les pronoms se déclinent comme les subst. : *min* = moi, me (accusatif).

*Règle 6.* Les terminaisons verbales sont au nombre de 12 : infinitif *i* : *fari* = faire ; présent *as* : mi *faras* = je fais ; passé *is* : *vi faris* = vous faisiez, vous avez fait ; futur *os* : *ili faros* = ils feront ; conditionnel *us* : *ŝi farus* = elle ferait ; impératif *u* : *faru* = fais, faites ; *ni faru* = faisons ; *ili faru* = qu'ils fassent.

Participe actif : présent : *ant* : *faranta* = faisant ; passé *int* : *farinta*=ayant fait ; futur *ont* : *faronta*=devant faire, qui fera.

Participe passif : présent *at* : *farata* = étant fait ; passé *it* : *farita* = ayant été fait ; futur *ot* : *farota* — devant être fait, que l'on fera.

L'Esperanto n'a qu'un seul verbe auxiliaire : *esti* = être.

Le verbe ne change ni pour les personnes ni pour les nombres ; en le combinant avec les participes passifs, on forme la voix passive : *Mi estas amata* = je suis aimé.

*Règle 7.* L'adverbe dérivé est caractérisé par la terminaison *e* : *patre* = paternellement.

*Règle 8.* Toutes les prépositions veulent par elles-mêmes le nominatif.

*Règle 9.* Chaque mot se prononce tel qu'il est écrit.

*Règle 10.* L'accent tonique se place toujours sur l'avant-dernière syllabe : fo*i*ro, pa*tru*jo.

*Règle 11.* Les mots composés s'obtiennent par la réunion des éléments qui les forment. Le mot fondamental se met toujours à la fin.

*Règle 12.* Si la phrase contient déjà un mot de sens négatif, l'adverbe « ne » se supprime ; *mi vidas neniun* = je « ne » vois personne.

*Règle 13.* On met à l'accusatif le complément direct ainsi que le mot qui marque le lieu vers lequel on se dirige : *mi estas tie* = j'y suis ; *mi iras tien* = j'y vais.

*Règle 14.* Chaque préposition a un sens immuable. Lorsque le choix de la préposition ne s'impose pas clairement, on emploie la préposition *je* qui n'a pas de signification propre. On peut aussi employer l'accusatif et supprimer la préposition, à condition qu'aucune amphibologie ne soit à craindre.

*Règle 15.* Les mots internationaux ne changent pas en Esperanto; ils en prennent seulement l'orthographe: théâtre=*teatro*.

*Règle 16.* La terminaison de l'article peut se supprimer et se remplacer par une apostrophe, après une préposition se terminant par une voyelle : *la pordo de l' domo* : la porte de la maison. Elle se supprime beaucoup plus rarement, de même que pour le substantif, dans certains cas notamment comme licence poétique : *Ho! mia kor' !* = Oh ! mon cœur !

# DE 16 REGELS
## DER SPRAAKLEER VAN HET ESPERANTO.

*Alphabet*. A, B, C (ts), Ĉ (tch), D, E (halflang), F, G (z. a. in het Nederlandsch), Ĝ (dj), H (geadspireerd), Ĥ (ch), I, J (z. a. in het Nederlandsch), Ĵ (z. a. in het Fransch), K, L, M, N, O, P, R, S, Ŝ (z. a. de Fransche ch), T, U (oe z. a. in het Duitsch) Ŭ (z. a. de Vlaamsche w) V, Z.

Behoudens de uitzonderingen tusschen haakjes aangeduid, worden al de letters uitgesproken als in het Nederlandsch. Zij bewaren altijd hunne alphabetischen klank.

***

*Regel 1.* Het Esperanto heeft slechts één bepalend lidwoord, nl. *la*, dat voor al de geslachten, getallen en naamvallen onveranderd blijft. Het niet bepalend lidwoord bestaat niet.

*Regel 2.* Het naamwoord gaat uit op O. Het meerv. wordt gevormd door bijvoeging van *j*. — Het Esperanto heeft twee naamvallen : den nominatief en den accusatief ; deze laatste wordt gekenmerkt door bijvoeging van *n*, zoowel in het enkelv. als in het meerv. : *la patro* = de vader, *la patroj* = de vaders, nom. ; *la patron* = den vader, *la patrojn* = de vaders, acc

*Regel 3.* Het bijv.w. (adjectief) gaat uit op A en volgt de regels van het naamw. : *patra* = vaderlijk ; *patraj* = vaderlijk(e).

*Regel 4.* De grondgetallen zijn onveranderlijk : *unu* 1, *du* 2, *tri* 3, *kvar* 4, *kvin* 5, *ses* 6, *sep* 7, *ok* 8, *naŭ* 9, *dek* 10, *cent* 100, *mil* 1000. De rangschikkende telw. worden gevormd met *a* bij de grondgetallen te voegen ; zij worden aldus echte bijvoeglijke woorden en volgen er al de regels van : *la tria* = de derde ; *la triaj* =de derde, meervoud. De vermenigvuldigingstelwoorden nemen het achtervoegsel *obl* : *la duoblo* = het dubbel ; *la dekoblo* = het tienvoud. De breuken nemen *on* : *la triono* =het derde; de verzamelende telw. nemen *op*: *duope*, getweeën.

*Regel 5.* De persoonlijke voornaamwoorden zijn *mi* (ik, mij), *vi* (gij, u), *li* (hij, hem), *ŝi* (zij, haar), *ĝi* (het, hem), *si* (zich), *ni* (wij, ons), *ili* (zij, hen, hun). Door de bijvoeging van *a* worden zij bijvoegelijke bezittelijke woorden of voornaamwoorden *mia* (mijn), *miaj* (mijne, mv.) *mian* (mijnen, acc).

*Regel 6.* De uitgangen der werkw. zijn ten getale van 12 : Noemvorm *i* : *fari* = doen ; tegenw. tijd *as* : *mi faras* = ik doe ; verl. tijd *is* : *vi faris* = gij deedt, gij hebt gedaan ; toek. tijd *os* : *ili faros* = zij zullen doen ; voorwaardelijke wijze *us* : *ŝi farus* = zij zou doen ; gebiedende wijze *u* : *faru* = doe, doet ; *ni faru* = laat ons doen ; *ili faru* = dat zij doen.

Bedrijvend deelwoord. Tegenw. tijd *ant* : *faranta*=doende ; verl. tijd *int* : *farinta* = gedaan hebbende; toek. tijd *ont* : *faronta* = zullende doen.

Lijdend deelwoord. Tegenw. tijd *at* : *farata* = gedaan (wordend); verl. tijd *it* : *farita* = gedaan (zijnde); toek. tijd *ot* : *farota* = zullende gedaan worden.

Het Esperanto heeft slechts één hulpwerkw. : *esti* = zijn. Het werkw. verandert noch voor personen, noch voor getallen ; als men het met de lijdende deelw. vereenigt vormt men den lijdenden vorm : *Mi estas amata* = ik word bemind.

*Regel 7.* Het afgeleid bijwoord, wordt gekenmerkt door den uitgang *e* : *patre* = op vaderlijke wijze.

*Regel 8.* Al de voorzetsels vorderen den nominatief.

*Regel 9.* Ieder woord wordt uitgesproken zooals het geschreven staat.

*Regel 10.* De klemtoon valt altijd op de voorlaatste lettergreep : fo*i*ro, patr*u*jo.

*Regel 11.* De samengestelde woorden worden bekomen door de vereeniging der elementen waaruit zij bestaan. Het grondwoord wordt steeds achteraan geplaatst.

*Regel 12.* Wanneer in den zin reeds een woord voorkomt met ontkennende beteekenis, valt het bijwoord *ne* weg : *mi vidas neniun* = ik zie niemand.

*Regel 13.* In den accusatief staat het voorwerp, alsook het woord, dat de plaats aanduidt waarheen men zich richt : *mi estas tie* = ik ben er ; *mi iras tien* = ik ga er heen.

*Regel 14.* Ieder voorzetsel heeft eene onveranderlijke beteekenis. Indien de keuze van het voorzetsel niet duidelijk bepaald is bezigt men het voorzetsel *je* dat geene vaste beteekenis heeft. Men kan den accusatief bezigen en het voorzetsel weglaten, indien zulks geen dubbelzinnigheid te weeg brengt.

*Regel 15.* De internationale woorden veranderen niet in het Esperanto ; zij volgen er slechts de schrijfwijze van.

*Regel 16.* De uitgang van het bepalend lidwoord kan weggelaten en door een afkappingsteeken vervangen worden na een voorzetsel dat op eenen klinker eindigt : *la pordo de l' domo* : de deur van het huis. Hij wordt in zekere gevallen, maar zeer zeldener, weggelaten, zoo ook bij het naamwoord, namelijk als dichterlijke vrijheid : *Ho! mia kor' !* = O, mijn hart !

4me Année, N° 8. 4a Jaro, 8a Numero. Aprilo 1906 (N° 44) 4e Jaar Nr 8.




Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.

Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.

DIREKTORO : Dro M. SEYNAEVE.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

# Al Komercistaro.

Ĉiuflanke oni nun tre klopodas por enigi Esperanton en la komercistaron. Niaflanke, ni rekomencos publikigi nomarojn da negociistoj, akceptantaj uzi Esperanton por la ekster-naciaj korespondaĵoj, kaj ni tre petas niajn amikojn insiste rekomendi nian entreprenon.

Ni rimarkigu samtempe kiom stranga estas la agado de kelkaj industriistoj kiuj, fabrikantaj esperantistajn objektojn, rifuzas oferi sumon eĉ malgrandan por ilin diskonigi kaj, poste, plendas tial ke ili ne sukcesas disvendi.

Vi, negociistoj kiuj plendas, ne forgesu ke reklamo estas, nun pli ol iam, la movigilo de l' komerco ; se vi deziras vendi viajn komercaĵojn, ilin diskonigu ! Sed, ne postulu ke la esperantistaj gazetoj servu vin senpage, ĉar ili ne estas riĉaj ; se vi deziras ke ili helpu vin, vi ankaŭ ilin helpu ; el tio vi ĉerpos profiton. — La unua cito en niaj nomaroj estas senpaga.

## AUX COMMERÇANTS.

De tous côtés, l'on fait actuellement de grands efforts pour propager l'Esperanto dans le monde commercial. De notre côté, nous reprenons la publication des listes de négociants, qui acceptent l'emploi de notre langue pour les correspondances extra-nationales, et nous engageons vivement tous nos amis à recommander avec insistance cette entreprise.

Faisons remarquer en passant combien étrange est l'attitude de certains industriels qui, fabriquant des articles espérantistes, refusent obstinément de sacrifier la moindre somme pour les faire connaître et viennent, après celà, se plaindre de ce qu'ils ne parviennent pas à les vendre.

Négociants qui vous plaignez, n'oubliez pas que la réclame est, maintenant plus que jamais, l'âme du commerce ; si vous voulez vendre vos articles, faites-les connaître ! Seulement, n'exigez-pas que les journaux espérantistes vous servent gratuitement, car ils ne sont pas riches ; si vous voulez qu'ils vous aident, aidez-les aussi ; vous ne pourrez qu'y gagner.

La première citation dans nos listes est gratuite.

## AAN DE KOOPLIEDEN.

*Langs alle kanten worden nu groote pogingen aangewend om het Esperanto bij den handel in te voeren. Van onzen kant hernemen wij de openbaarmaking van de lijst der kooplieden, die het gebruik onzer taal in hunne buitenlandsche briefwisselingen aannemen en wij raden levendig al onze vrienden om deze onderneming vurig aan te prijzen.*

*In het voorbijgaan moeten wij doen aanmerken hoe vreemd de houding van zekere nijveraars is, die esperantische artikels vervaardigen en bepaald weigeren de minste som te besteden om deze te doen kennen, doch zich nadien beklagen dat zij er niet in gelukken deze te verkoopen.*

*Handelaars, die ontevreden zijt, vergeet niet dat nu, meer dan ooit, de reklaam de ziel van den handel is, will gij uwe artikelen aan den man brengen, doet ze kennen ! Maar, eischt niet dat de esperantische bladen zulks kosteloos doen, want deze zijn niet rijk, en — zoo gij will, dat zij u helpen, helpt ze ook ; gij kunt er slechts bij winnen.*

*De eerste opname in onze lijsten is kosteloos.*

# Arboj, niaj Amikoj.

Inter la festoj kiuj ĝojigis la pasintan jaron 1905an, kelkaj el tiuj, kiuj fruktodonos, estas certe la festoj pri arboj.

Grupo da homoj, amantaj la naturon, kunligis siajn klopodojn por kontraŭagi la kruelecon — jes kruelecon, la vorto ne estas tro severa — de multaj oficialaj oficistoj kiuj, sen kompato, ruinigas kaj detruas niajn promenejojn kaj fierajn arbarojn.

Arbo estas certe la plej bela, la plej plena kreaĵo de la naturo, kaj honorigi la arbojn estas honorigi la tutan kreitaron, estas festi amikojn kiuj zorgas pri nia saneco, nia sendanĝereco, nia okulplezuro kaj ĉiuj bezonoj niaj.

Dum la Internacia Ekspozicio de Lieĝo, oni invitis la infanojn de la lernejoj ke ili plantu junan kverkon kiu memorigos al nia venonta idaro, la sukceson de tiu ekspozicio kaj la dankecon de la loĝantoj de la urbo por la iniciatoroj de tiu bela manifesto de homa agado.

Ankaŭ oni povas diri ke tiu planto estas penta manifesto kontraŭ detruo de kelkaj belaj arboj kiuj ornamis la ĝardenojn de la ekspozicio, kaj kies detruon kaŭzis vandalaj konstruantoj.

Aliaj festoj okazis ankoraŭ en vilaĝoj « Esneux » kaj « Lummen », eble ankoraŭ en aliaj lokoj.

La kunveno cirkaŭ la antikva kaj fama kverko de Lummen (provinco de Limburgo) estis aparte imponanta. De longatempe mi admiris la majestan supron de tiu « dika kverko », kiel ĝin nomas la vilaĝanoj, kaj ĉiuj vojaĝantoj kiuj biciklede trapasis la « kempenan » kamparon tre bone ĝin konas. La mezuro de tiu arbo estas kvin metroj dudek centimetroj (5.20 m.) de ĉirkaŭo je la alteco de unu metro kvindek centimetroj (1.50 m.) supre de la tero. Tio estas fenomena dikeco en nia industria lando kaj tiu loko estis feliĉe elektita por tia manifesto.

Multajn paroladojn nia arba amiko aŭdis; ni citos kelkajn frazojn eldiritajn de S^ro Carton de Wiart, frazojn kiujn ĉiu aplaŭdos, ĉar ili estas ĉiam veraj kaj pruvas ke la respekto pri naturo loĝas ankoraŭ en niaj koroj, malgraŭ barbareco de kelkaj oficialaj detruantoj.

Li diris : « Arboj, bonaj kunvivantoj, bonaj ser-
« vantoj, vi ankaŭ estas admirindaj profesoroj de
« pacienco, tradicio kaj energio, paco kaj boneco.
« De pacienco — sciigante al ni la tempon kaj la
« penadon kiuj estas necesaj por venki, kutimigante
« nin suferi la blovadojn dum atendo de la ĉielarko,
« kaj la plej maldolĉajn frostojn dum espero de la
« printempaj karesoj.
« De tradicio. — Pli bone ol la monumentoj, ĉar
« vi kreskas kaj aliformiĝas kiel ni, kun ni ; vi kun-
« ligas la nunecon al la estinteco kaj estonteco.
« La nunaj generacioj retrovas sub viaj ombraĵoj
« kaj iafoje ĝis en viaj ŝeloj, la memoraĵon de la
« pasintaj generacioj kaj la trunketo kiun ni plantis
« eble anoncos de malproksime al niaj genepoj la
« naskan teron de iliaj geavoj.
« De boneco. — Kie trovi tiel, en la kreita naturo,
« la memforgeson kaj sindonemon ?
« La arbo ricevas la brulantajn radiojn de la
« suno. Al ĉiuj ĝi donas la favoran ombron. Ĝi
« suferas venton kaj pluvon. Al ĉiuj ĝi certigas zor-
« gantan rifuĝejon.
« Ĝi ensorbas la pereigan karbonon. Sed ĝi
« elspiras la oksigenon kiu nutras.
« Kiam oni donas al ĝi malpuraĵojn kiel nutraĵon,
« ĝi respondas per floroj.
« Kiam oni ĵetas al ĝi ŝtonojn, ĝi donas fruktojn
« La arbo, siavice, estas granda pacifisto.
« La historiisto Elien' rakontas ke Herhes (Xer-
« xes), militirante kun siaj armeoj, renkontis sur la
« vojo, kiam li trapasis Lidilandon, (Lydie). platanon
« mirege belan. Ne povante forlasi tiun vidaĵon, li
« tie haltis dum tuta tago kaj ankaŭ liaj soldatoj,
« forgesante ĉiujn militajn ambiciojn kaj perme-
« sante al la popoloj kiujn li minacis, libere prepari
« ilian defendon. Ĉu la militistoj de la nunaj tempoj
« havas, kaj ĉu tiuj de la estontaj havos tian
« senton de la beleco ?
« Ni plantu arbojn.
« En ĉiuj okazoj, tio estas paca laboro.
« Kaj se iaj homoj malŝparas siajn mokojn, ni
« klopodu varbi ilin al nia zorgemo. »

Post la festo, la manifestantoj plantis junan Libanan cedron kontraŭ apuda kapeleto.

Iatage, niaj pranepoj festos tiun ĵusnaskitan famulon kiel ni festis la kverkon de niaj prapatroj. Vivo de la naturo estas senfina renovigo ; la arboj, pli longatempe ol ni kaj sen fiereco, ĉeestas, kvietegaj, la eternan reverdiĝon de la printempoj kaj la misteran renoviĝon de ĉio.

Ni plantu, amikoj miaj, ni plantu kaj respektu la arbojn, aliajn amikojn.

Jos. JAMIN.

---

# KORVO KAJ VULPO.

*El La Fontaine.*

Sur arbo sidante, la korvo - sinjor',
Fromaĝon en bek' sia tenis.
Majstro vulp', allogite per bona odor'
Kun tia parol' al li venis :
« Bonan tagon, sinjoro nobela !
Ho, kiel vi estas gracia kaj bela !
Je vere, se l' voĉ, en kampar',
Ne cedas al via plumar',
Vi estas plej ĉarma arbara loĝanto. »
La korvo, ĝojega pro tiu admir',
Por montri belecon de l' voĉo en kanto,
Malfermas la bekon : « Grak' ! » — falas l' akir',
Kaj vulpo, kaptante ĝin, diras : « Eksciu,
Sinjor', ke flatul' vivas ĉiu
Je l' kosto de lin aŭskultanta person' !
Fromaĝon valoras ja ĉi - lecion' ? »
La korvo ekjuris, post honto, konfuzo,
Ke nun jam neniu lin trompos per ruzo.

A. GRABOWSKI.

# Eĥoj kaj Novaĵoj el Esperantistujo.

## Hilelismo.

Al tiu nova kreaĵo la januara numero de « Ruslanda Esperantisto » dediĉis multajn paĝojn ; ni provos doni ĝiajn ĉefajn partojn por klarigi ĝian esencon.

« La senĉesa reciproka batalado de la diversaj gentoj kaj religioj en la vasta Rusuja regno, la kriantaj maljustaĵoj kaj perfortaĵoj... devigis multajn serĉi ian neŭtralan fundamenton sur kiu homoj de malsamaj gentoj kaj religioj povus komunikiĝadi inter si pace kaj frate. Tiun ĉi neŭtralan fundamenton prezentas la malsupre donitaj dogmoj de la «Hilelismo » aŭ «Homanarismo ». Ili havas signifon nur principan ; la definitiva teksto estos fiksita nur poste, en la unua kongreso de la Hilelistoj.

« **Esenco de la Hilelismo**. La Hilelismo estas instruo, kiu, ne deŝirante la homon de lia natura patrujo, nek de lia lingvo, nek de lia religio, donas al li la eblon eviti ĉian malverecon kaj kontraŭparolojn en siaj nacia-religiaj principoj,kaj komunikiĝadi kun homoj de ĉiuj lingvoj kaj religioj sur fundamento neŭtrale-homa, sur principoj de reciproka frateco, egaleco kaj justeco.

« **Fina celo de la Hilelismo**. La Hilelistoj esperas ke per konstanta reciproka komunikiĝado sur la bazo de neŭtrala lingvo kaj neŭtralaj religiaj principoj kaj moroj, la homoj iam kunfandiĝos en unu neutrale-homan popolon, sed tio-ĉi fariĝados iom post iom, nerimarkate kaj sen ia rompado.

« **Deklaracio de Hilelisto**. Kiam oni demandas min, kiu mi estas, kiaj estas miaj naciaj konvinkoj religiaj principoj, mia celado kaj idealo, mi respondas: *Mi estas Hilelisto*. Tio signifas, ke mi estas homo, kiu sin gvidas per la sekvantaj dogmoj :

Ni ne povas, pro manko da loko, doni detale la tre ampleksan dogmaron ; ni ĝin nur resumas laŭ ĝia esenco.

« Mi estas homo; ĉiajn idealojn gente-naciajn mi rigardas nur kiel grupan egoismon. Mi kredas ke ĉiuj popoloj estas egalaj, ke ĉiu lando apartenas egalrajte al ĉiuj siaj loĝantoj, kian ajn lingvon aŭ religion ili havas. Patriotismo aŭ servado al la patrujo mi nomas nur la servadon al la bono de ĉiuj miaj samregnanoj ; la servadon speciale al la gentaj interesoj, lingvo aŭ religio de tiu loĝantaro, kiu en la lando prezentas la plimulton,mi neniam devas nomi patriotismo ; mi devas peni ke ĉiu gento havu la rajton fondi por siaj membroj lernejojn kaj aliajn instituciojn kun sia lingvo kaj religio, sed ke en ĉiuj publikaj institucioj ne difinitaj por unu sola gento, *regu nur lingvo neŭtrale-homa*. Mia nacio mi nomas la tutecon de ĉiuj homoj, kiuj loĝas mian patrujon ; sed al mia nacia nomo mi devas ĉiam aldoni la vorton « Hilelisto » (ekz.: Sviso-Hilelisto) por montri ke mi alkalkulas min al mia nacio ne en senco ŝovinista. En parolado kun Hilelistoj mi devas eviti la konfuzajn vortojn « nacio » aŭ « popolo » kaj anstataŭ ili mi devas ĉiam uzi la precizajn hilelistajn esprimojn « regnanaro », « landanaro ». Mia lingvo mi nomas tiun lingvon kiun mi persone plej bone scias, sed al la nomo de tiu lingvo mi devas ĉiam aldoni la vorton « hilelista ». En ĉiuj hilelistaj interrilatoj mi devas uzi la lingvon hilelistan.

*Rimarko*. Ĉar nun ekzistas nur unu lingvo neŭtrala, *Esperanto*, la Hilelistoj ĝin akceptas (almenaŭ provizore).

Mia religio mi nomas tiun religion, en kiu mi naskiĝis, aŭ al kiu mi estas oficiale alskribita ; sed al ĝia nomo mi devas ĉiam aldoni la nomon «hilelista», por montri ke mi konfesas ĝin laŭ la religiaj principoj de Hilelismo, jene :

*a)* Sub la nomo de « Dio » mi komprenas tiun plej altan Forton kiu regas la mondon kaj kies esencon mi havas la rajton klarigi al mi tiel, kiel diktas mia saĝo kaj koro.

*b)* Kiel fundamentan leĝon de mia religio mi rigardas la regulon «Agu kun aliaj tiel, kiel vi deziras ke aliaj agu kun vi ». Ĉion alian en mia religio mi rigardas kiel legendon aŭ religiajn morojn ».

Hilelismo enhavas allogan ideon; el la supredonitaj klarigoj niaj legantoj komprenos ke ĝia ĉefa, ĝia fina celo estas homamo kaj internacia frateco, sentoj kiuj, de kelkaj jaroj, pli kaj pli disvastiĝas tra la mondo.

Tiu celo, tiuj sentoj ne estas novaj ; ĝin deziras, ilin jam enhavas multaj religioj, kaj ankaŭ la programoj de diversaj politikaj — tiel nomataj — partioj. Sed Hilelismo solvas — aŭ intencas solvi — la demandan laŭ novaj reguloj kaj aparta maniero. Ĉu tiu maniero, ĉu tiu reguloj estas bonaj kaj sufiĉe fruktodonaj, tion ni ne povas juĝi. Sed ni timas ke ĝiaj dogmoj pri patrujo kaj religio eble ne kontentigos ĉiujn homamantojn, ĉiujn pacifistojn, ĉiujn « internacionalistojn », kaj forigos multe da bonvoluloj : patriotismo estas ĉiam pli malpli ŝovinisma,kaj religianoj ajn neniam konsideros la flankajn regulojn de sia religio kiel legendon.

Niaj legantoj rimarku ke Hilelismo alprenas *Esperanton kiel sian neŭtran lingvon*. J. Coox.

## Mozart.

En « *Lingvo Internacia* » (n^ro^ 15 Februaro), nia lerta samideano, S^ro^ D^ro^ J. Hanauer, publikigis artikolon pri la 150^a^ naskiĝa datreveno de la glorega muzikisto Mozart.

En la tuta mondo oni festis tiun solenan datrevenon kun impresiga kaj neniam vidita entuziasmo ; ĉiuj homaj koroj, kapablaj tremeti pro ia ideala arta eksento, travivis kun dolĉa kortuŝeco tiujn tagojn, dediĉitajn al memorigo de tiu nehoma, aŭ plibone superhoma artisto, kies tuta estaĵo, kies tuta vivo, kies tuta animo estis nur vera realaĵo de l' plej alta, plej pura arta sentado ; de tiu artisto kiu, meze de l' malĝojoj de mallonga kaj mizerega vivo, mirinde esprimis per muziko die ĝojeta kaj rave malpezega kiel infaneta rido, roza parfumo aŭ suna radio, la ĉarman elegantecon de tiu terura jarcento, tuj sensaĝe drononta en oceanon de sango.

Tial mi tute konsentas kun D^ro^ Hanauer, diranta : « Ne estas plu eble rekompenci al la granda Majstro la disreviĝojn kaj la mizeron, kiujn li devis suferi, estante homo. Sed ĉiuj ni havas devon dankeme pensi hodiaŭ, je lia 150^a^ naskiĝa tago, al la kreinto de monde konataj verkoj. »

« Kaj ni, Esperantistoj, festu lin je nia dua kongreso en speciala koncerto. »

Jen estas vere bonega propono. Ni ĝin ne malzorgu, amikoj artamantoj, ni ĝin realigu !

D^ro^ M. S.

## Vivu la Kongreso!

Ĝoje ni komunikas al nia legantaro la jenajn sciigojn pri la venonta kongreso de Ĝenevo. La kongreso daŭros de l' 28ª de Aŭgusto ĝis la 6ª de Septembro. Jen la proponata programo:

*Mardon, 28 Aŭg. 1906*: Vespere, oficiala malfermo kaj koncerto.

*Merkredon, 29 Aŭg.*: Matene, preparaj kunvenoj. Posttagmeze, 1ª ĝenerala kunveno. Vespere, teatra, literatura kaj muzika festo.

*Ĵaŭdon, 30 Aŭg.*: Ŝipveturado sur la Lemana Lago kun oficiala festeno en Vevey (Festenkarto: 5 fr.)

*Vendredon, 31 Aŭg.*: Matene, 2ª ĝenerala kunveno. Posttagmeze, vizito al la « Ariana » kaj akceptado ĉe S^ro^ Thudicum en lia parko de « La Châtelaine ». Vespere, balo.

*Sabaton, 1 Sept.*: Matene, 3ª ĝenerala kunveno. Vespere, fina kunveno kaj koncerto.

*3, 4, 5 Sept.*: Vojaĝo tra Svisujo: Montreux-Oberland, Spies, Interlaken, Mürren, Berne, Genevo.

La kongresa karto kostas 10 fr.: ĝi donas rajton senpage ĉeesti ĉiujn kunvenojn kaj festojn, (ankaŭ la ŝipveturadon), kaj ricevi ĉiujn eldonotajn dokumentojn.

Ĉiu persono, jam posedanta 10-frankan *verdan karton*, havos rajton aĉeti por la anoj de sia familio unu, du, tri aŭ maksimume kvar *blankajn kartojn*, kiuj kostas 5 fr. kaj donas samajn rajtojn kiel la verdaj kartoj, esceptante la rajton voĉdoni kaj ricevi la dokumentojn.

Por ĉio koncernanta la Kongreson, oni sin turnu al: *Kongresa Oficejo, 15, Quai de l'Ile, Genève.*

## La Holanda Pioniro.

Nia holanda kunfrato eldonis antaŭ nelonge sian lastan numeron.

Ĝia direktoro, S^o^ Dreves Uitterdijk, klarigas ke li fine atingis sian celon: fondigo de nacia societo holanda, kaj ke, pro tio, li opinias sian rolon finita, tiom pli ke manko da tempo kaj mono ne plu ebligas ke li daŭrigu la eldonon de sia organo.

Li rekomendas ke liaj holandaj legintoj abonu aliajn Esperantajn gazetojn, *komence « La Belga Sonorilo » n*, pro kio ni koregе dankas lin.

Tamen, kvankam nia amiko opinias male, ni kredas ke la malapero de lia gazeto estas bedaŭrinda. Eble, kaj, laŭ ni, verŝajne, lia eraro devenas de tio, ke li forlasis sian nacian lingvon por eldoni nur Esperantajn tekstojn. Tial, la *Holanda Pioniro* perdis sian nacian karakteron kaj ne estis plu nacia propagandilo. Renaskiĝu baldaŭ nia kunfrato, sub nova formo, dulingva.

Ĝi ankaŭ sciigas ke baldaŭ aperos detala holandlingva broŝuro pri la demando de lingvo internacia kaj ĝia solvo per Esperanto, kaj ke la societo « Vilhelmino », (por kolektistoj de ilustritaj poŝtkartoj), konsentas korespondi Esperante.

Fine, ni sciigu ke la kolektoj de Holanda Pioniro estas aĉeteblaj ĉe H. Honig, eldonisto, en *Utrecht* (Holland).

Libro I (parte holandlingva) 224 paĝoj, po fr. 2,50
Libro II (nur Esperante) 112 paĝoj, po fr. 1.50

J. C.

Tre plezure ni sciigas ke S^ro^ Uitterdijk konsentis kunlabori al « La Belga Sonorilo ».

# DIVERSAĴOJ.

**La Korvo kaj la Bovido.** — (*Valona Rakonteto*). Sur la ŝtonvojo de Namuro al Luksemburgo, supre de longa deklivo, staris drinkejeto, kie veturistoj kaj piedirantoj kutimis halti por sensoifiĝi sin.

Sed, ĉar la pasantoj estis tute nemultaj, ofte okazis, ke la biero acidiĝis en la barelo: tial, elirante, la trinkintoj reciproke diris: « Fi!... la biero estas acida! »

Je l'antaŭa flanko de l' drinkejeto, proksime de la pordo, pendis la kaĝo de nigra korvo.

Tial ke ĝi tre ofte aŭdis la saman frazon, la parolema birdo ĝin memoris, kaj, de tiam, kiam trinkontoj sin direktis al la drinkejo, ĝi kutimis ripeti per sia raŭka voĉo: « La biero estas acida... la biero estas acida. »

« Se la biero estas acida, diris ili ridante, ni iros pli antaŭen. » Kaj ili ne eniris.

La drinkejmastro miris vidante ke lia klientaro tiom malgrandiĝis, sed foje, li aŭdis sian korvon, kriantan la kutiman frazon, kaj li tuj komprenis, kial oni forlasis lian drinkejon. Koleregante, li tiregis la malbenatan birdon el gia kaĝo, kaj forĝetis ĝin en la marĉeton. La malfeliĉa besto, sufokata, estis tuj pereonta, sed la mastro, bedaŭrinte sian agon, eltiris rapide la birdon el la malbonodora akvo, kaj portis ĝin sub la fornon, por ĝin revivigi kaj sekigi.

En la sama tago, la bovino naskis bovidon: oni ankaŭ alportis la besteton sub la fornon por ĝin revarmigi.

La korvo, ekvekiĝante iom post iom el sia duonsveno, malfermis unu okulon, poste alian, kaj rigardinte kun miro la beston kuŝantan apud ĝi, ĝi demandis: « Nu! ĉu ci ankaŭ diris ke la biero estas acida? »

E. V. Honincks.

**La Belgique Artistique et Littéraire.** (*Arta kaj Literatura Belgujo. Administracio: 26-28, Rue des Minimes, Bruxelles. Abona prezo: 12 fr.*) Niaj legantoj jam rimarkis ke la B. S. klopodas por diskonigi, per bonaj tradukoj de eltiraĵoj el iliaj verkoj, la plej lertajn belgajn literaturistojn nuntempajn, ĉu france ĉu flandre verkantajn.

Laŭ tiu rilato, ĝi devas per nemultaj vortoj prezenti al la Esperantistaro belegan franclingvan revuon, kiu estas eldonata jam de kelkaj monatoj kaj kiu estas, super multaj aliaj negrandaj revuoj, plena kaj reala sintezo de la tuta franclingva movado literatura en Belgujo. Tiu revuo, al kiu kunlaboradas ĉiuj plej eminentaj, franclingvaj verkistoj, enhavas ĉiumonate multajn literaturaĵojn, politikajn artikolojn verkitajn de diversopiniaj politikaj eminentuloj, kaj tre detalajn kritikajn artikolojn pri la tuta belga arta movado: literaturo, pentrarto, skulptarto, muzikarto. k. c. Ni aldonu ke tiu revuo eldoniĝas ĉiumonate je formo de dika 120-paĝa luksa volumo. Ĝia direktoro estas S^ro^ Paul André, jam konata de niaj legantoj; inter la ĉefaj kunlaborantoj ni citu: L. Delattre, M. des Ombiaux, Dumont-Wilden, Dwelshauwers. G. Eekhoud. V. Gille, A. Giraud, Comm^t^ Ch. Lemaire, E. Picard, E. Verhaeren, H. Carton de Wiart, E. Demolder, J. Destrée, G. Ramaekers, P. Hymans, Blanche Rousseau, k. c.

Unuvorte, ĉiuj amantoj de la literaturo, belgoj aŭ nebelgoj, kiuj deziras elkoni la mirindan progresadon de la franclingva arta verkarto, devas aboni la pritraktitan revuon: certe ili ne bedaŭros nek sian monon nek sian tempon.

# FRANCA-FLANDRA FAKO.

## Une Séance de l' Antverpena Grupo Esperantista.

« Puis, nous avons reçu une lettre du groupe espérantiste de Buenos-Ayres. Ces messieurs nous prient..... Les espérantistes tchèques de Prague nous invitent à prendre part à l'exposition nationale que leurs compatriotes organisent à Londres cette année-ci... Voici une carte postale de Yokohama.... Enfin plusieurs nouvelles brochures...»

Le président, Mr R. Van Melckebeke, vient de terminer le dépouillement du courrier de la semaine écoulée. Et ses yeux, grands ouverts derrière l'éclat des verres concaves, scrutent le « select » auditoire, qui s'est encore légèrement accrû, depuis l'ouverture de la séance : des dames, toutes très gentilles, des messieurs, tous très sérieux, médecins, commerçants, officiers, professeurs, employés de commerce et d'administration.

On se remue, on recommence un bout de causette, en se passant les cartes postales et brochures récemment arrivées. Les nouvelles des « samideanoj » sont bonnes, très bonnes. Dans les autres pays, tout aussi bien qu'ici, on travaille. Des liens innombrables se forment par-dessus et malgré les frontières : l'idée nouvelle mûrit, l'Esperanto n'est plus un rêve. En avant donc, *antaŭen !....*

C'est là aussi la devise du dévoué professeur, Mr A. Van der Biest, qui, ayant déjà passé la cinquantaine, s'est jeté corps et âme dans le grand mouvement, et qui, jeune par ce fait plus encore que par sa verdeur extérieure, rendrait, comme propagandiste, des points aux jeunes. — Quelle verve dans sa leçon ! Le sujet cependant est assez aride et difficile : une lettre commerciale en Esperanto ! Mais notre infatigable professeur n'aimerait nullement que le groupe de la métropole reste en arrière en correspondance commerciale, surtout depuis que la Chambre de Commerce de Londres vient d'admettre officiellement l'Esperanto, à l'égal des autres langues modernes. *Antaŭen !...*

Acte troisième. Un des membres va renseigner l'assemblée sur le caractère d'une de nos grandes revues espérantistes. Déjà, dans des séances précédentes, on a écouté, avec beaucoup d'intérêt, des comptes rendus de *Tra la Mondo*, de *Svisa Espero* et de *Germana Esperantisto.*

Cette fois-ci, c'est un jeune médecin, qui, après une étude des derniers numéros de l'*Internacia Revuo Medicina*, entame une causerie sur les os et leurs maladies. Le docteur, pour rendre sa conférence intuitive, brandit un fémur, puis, d'une macabre sacoche noire cachée sous la table, il retire successivement des crânes, des vertèbres, des mâchoires, des os bouillis, des os rongés par la tuberculose. Horreur ! s'écrient les dames, en frémissant. Cependant, elles aussi sont avides d'apprendre, et tous les membres sont heureux de constater la valeur, la « taŭgeco » de l'Esperanto, même au point de vue des sciences.

Le président félicite... D'ailleurs, pas sévère du tout, le président. Il s'enthousiasme pour ce qu'il apprend, et ses observations équivalent à des compliments.

C'est aussi peut-être son extrême bienveillance, qui engage tous les membres à attaquer, sous sa compétente conduite, la traduction de la « *Vie de tous les Jours* », œuvre de deux membres du groupe anversois. Grâce au caractère pratique de cet ouvrage, les membres sont amenés à analyser et à exprimer en Esperanto tous leurs actes journaliers : ainsi, une demoiselle explique gentiment comment elle mettrait le couvert, un gros monsieur dit comment il se lave la figure et les mains, un autre réussira bientôt à décrire un voyage par chemin de fer, etc.

Autour de la longue table, la conversation s'engage, s'anime, devient générale.

Vous, Monsieur Ferdinando, répondez donc à Madame : *Kial vi eniras en kafejon ?*

Question assez indiscrète. Ah oui, pourquoi ce monsieur visiterait-il un café ?! Mais déjà la réponse est donnée. Et, la fois prochaine, quand le sujet « La Vie au Café » aura fait place à un autre sujet de conversation, « Les Vêtements », ledit monsieur pourrait demander malicieusement à Madame, de lui citer les noms de tous les vêtements, sous lesquels elle cache ses charmes ! O, jupe cloche ! ô, plissé accordéon !.... Alors ce sera votre tour, Madame, de montrer votre force en Esperanto.

La bonhomie ne cesse de régner et tout se rend en Esperanto. Même un bouquet d'anecdotes vient agréablement clôturer la séance. Et l'on entend le fin esprit méridional ainsi que la bonne farce flamande, évoquant à l'envi la gaîté de l'assemblée.

Comme le temps passe vite, dans la salle congolaise de la « Taverne Royale » ! Voilà deux heures qu'on est ensemble ! Le programme a été amplement réalisé.

Finalement, on se met d'accord sur l'ordre du jour de la séance suivante, la dernière de la saison !... Eh bien, non, ce ne sera pas la dernière ! On ne peut, on ne veut pas se séparer si vite : la saison d'hiver se terminera par un souper intime espérantiste.

Où fait-on encore mieux que dans les assemblées hebdomadaires de l'*Antverpena Grupo ?* Que l'on en informe les amis anversois, qui ne demandent pas mieux que de pouvoir perfectionner leur organisation.

VIKINGO.



# Onderwijzerstijdschriften en Esperanto.

Ik moet mijn besten dank betuigen aan den Opstelraad van het Antwerpsch paedagogisch maandschrift « *Ons Woord* » voor de gastvrijheid, die hij verleend heeft aan mijn artikel « Esperanto », dat in het nummer van 1n Maart j. l. werd opgenomen.

Vooral was het mij aangenaam onder de rubriek « Kijkjes rechts en links » de volgende nota te mogen lezen :

**Esperanto.**

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Wij hebben het genoegen aan onze Collega's mede te deelen, dat een onzer leden de stellige belofte afgelegd heeft toekomende Winter voor de leden van *Diesterweg* eenen leergang van Esperanto in te richten.

*Het uitvoerend Komiteit.*

Dit bewijst eens te meer, dat onze geliefde taal tal van vrienden en verdedigers bij het onderwijzerskorps heeft gevonden ; dit laat voorzien, dat binnen een betrekkelijk korten tijd onze onderneming zal mogen rekenen op de toewijding van personen, die het Esperanto zullen kunnen onderwijzen, en die als een nieuw leger van propagandisten zullen optreden om het goede woord op hunne beurt te verkondigen.

***

Drij Belgische paedagogische bladen houden er tegenwoordig eenen leergang van Esperanto op na, nl. *le Journal des Instituteurs* (Sars-la-Bruyère), *l'Instituteur belge* (La Louvière) en *de Nationale School* (Hamme). Ik noem ze volgens hunne orde van verschijning.

De artikels uit *le Journal des Instituteurs*, geteekend E. Mathijs, zoon, dien we reeds lang als ieverig Esperantist kennen, verschijnen van veertien tot veertien dagen. Indien de heer M. enkel voor doel heeft de spraakleer van het Esperanto te doen kennen, is hij volkomen in zijn plan geslaagd, maar... zijne lezers zien reikhalzend uit naar oefeningen en toepassingen, die hun mogen toelaten het Esperanto te leeren gebruiken. Misschien zal de schrijver die later opgeven, wanneer zijn leergang van spraakleer (en woordvorming ?) zal volledig zijn ?

*Ni esperu....*

***

De kursus van den heer L. Savres in *l'Instituteur belge* komt wekelijks uit ; hij is volgens een gansch ander plan opgevat dan de voorgaande.

Indien het practisch gedeelte tot nu toe volkomen ontbreekt bij den heer Mathijs, neemt dit het grootste deel in bij de artikels van den heer Savres. Wel is waar worden ook regels van spraakleer en woordvorming opgegeven, maar de vertalingsoefeningen Esperanto-Fransch (versions) hebben het leeuwenaandeel. Althans geeft de heer S. ook eenige vertalingen Fransch-Esperanto (thèmes), maar die zijn betrekkelijk heel klein.

De twee eerste vertalingen (versions) zijn niets minder of meer dan het *Patro nia* (1) en een groot stuk van *Bruselaj veturigistoj* (2). Hoe loffelijk ook de pogingen zijn van den heer Savres, die overigens zijnen kursus met een heerlijk en goed beredeneerd artikel heeft ingeleid, vind ik het te betreuren dat deze eerste oefeningen veel te moeilijk zijn. Ook dienen zij hoegenaamd niet als practische toepassingen op de voorgestelde regels. De schrijver vergete niet, dat hij met beginnelingen te doen heeft, al zijn het dan ook verstandelijk ontwikkelde personen, die aan studie gewend zijn.

***

De kursus van de heeren Swagers en Finet, die maandelijks tweemaal in de *Nationale School* het licht ziet, is verre weg de beste van de drij. Het is een ware **leergang** ; men kan er Esperanto uit **leeren**. Hij is ontworpen volgens eene welbegrepen gradatie, de woordenlijst is goed gekozen, **de regels worden van de oefeningen afgeleid**, er is overvloed van toepassingen, zoowel gesprokene als geschrevene. Na de eerste les, waarvan de studie hoegenaamd niets droogs of lastigs medebrengt, heeft de lezer de aangename overtuiging, dat hij reeds een heelen voorraad Esperanto tot zijn geestig eigendom heeft gemaakt. Hij kan het aangeleerde hanteeren en er allerlei andere oefeningen mede maken.

De leergang der heeren Swagers en Finet is een volstrekt oorspronkelijk werk. Zijne uitmuntendheid is niet alleen dááraan toe te schrijven, dat de schrijvers èn Esperanto èn Onderwijsleer machtig zijn, maar zij richten hunnen kursus in volgens de wijze waarop zij hunne verdienstelijke werkjes *la Vie de tous les Jours* opstelden. Nu, de lessen uit deze handelingen waren reeds lang door de praktijk beproefd geworden, eer ze werden uitgegeven. Hun leergang van Esperanto, die in de N. S. verschijnt, heeft insgelijks de proef der ondervinding doorstaan, en wel in de lagere hoofdschool nr 2 te Antwerpen, waar de heer Finet sedert eenige weken onderricht in Esperanto geeft aan ongeveer 35 knapen van 15 jaar oud. Ik heb onlangs eene les van den heer Finet bijgewoond en mag verzekeren, dat zijne leerlingen die met geprikkelde gretigheid volgden en op korten tijd reeds groote vorderingen gemaakt hebben.

Ik raad de lezers der B. S. aan, bijzonder diegenen, die zich met onderwijs in Esperanto bezighouden, kennis te maken met de leergangen, die ik in dit artikel heb besproken, vooral met den laatsten, waarvan de verschijning in afzonderlijk boekdeel — ook in Fransche taal — aan eene ware behoefte zou voorzien.

AMATUS.

(1) Vertaling van Dr Zamenhof.

(2) Vertaling van *Brusselsche Vigilantkoetsiers* door Snieders, bewerkt door Dr Raym. Van Melckebeke voor *Paĝoj el la flandra literaturo.*



